Unua jaro. — N° 4. Junio 1911.

# FERVOJA ESPERANTISTO

DUMONATA GAZETO

Organo de INTERNACIA ASOCIO DE LA ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

| | | |
|---|---|---|
| Jara abono: Sm 1.<br>Unu N°: Sm 0,2.<br>Anoncoj: 1 paĝo: Sm 5;<br>1/2 paĝo: Sm 3;<br>1/4 paĝo: Sm 2. | REDAKCIO<br>S-ro Bontemps<br>Administranta Redaktoro<br>(La Prezidanto de la Asocio rajte estas Direktoro de la gazeto).<br>ADMINISTRACIO<br>Centra Presejo Esperantista<br>33, rue Lacépède, Paris | Ĉiujn manuskriptojn, abonmendojn, anoncojn, k.t.p., adresu al S-ro BONTEMPS, staciestro, *47, Villa de la Reine Henriette, Colombes (Seine), Francujo.*<br>La redakcio rezervas al si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn. — Artikolojn ne akceptitajn oni ne povas resendi. |

## LA SENPAGAJ VOJAĜOJ EN SVEDUJO

Ĝis antaŭ nelonge ne estis ia restrikto je la nombro de tiuj senkostaj biletoj, kiujn la svedaj fervojistoj ricevas ĉe vojaĝoj por privataj celoj, sed la nombro de senkostaj biletoj por familimembroj kaj por sendo de provizaĵoj ĉiam estis limigita.

*Ĉe la ŝtatfervojoj* nova regularo konsiderinde malmultigis, de 1. Julio 1910, tiujn biletojn por la funkciuloj mem. La maksimuma nombro nun ĝenerale estas por ĉiu funkciulo 24 por jaro. La biletoj por familianoj povas atingi la nombron de 48 por sama periodo.

*Ĉe la kompaniaj fervojoj* la biletnombro por la plej granda parto de la oficistaro estas difinita per « Ĝenerala Konvencio N° 2 » inter la organizaĵo de la administracioj kaj la asocio de la funkciuloj, kun daŭro de 1. Januaro 1910. Oficistoj kun estrofunkcioj ĉe tiuj fervojoj tamen ne povas esti membroj en la nomita asocio, kaj rilate al ili ankoraŭ, en Januaro 1911, ne estas egala difino. La aliaj funkciuloj ĝenerale povas ricevi po 6 biletoj dum kvaronjaro, kaj familiestroj plue po 12 biletoj por la mastrumo dum sama periodo.

La funkciuloj mem, sed ne iliaj familimembroj, ricevas biletojn por vojaĝoj sur kiu ajn sveda fervojo. Laŭ konvencio inter preskaŭ ĉiuj administracioj, bileto estas liverebla por traira vojaĝo aŭ por vojaĝo sur alia fervojo ol tiu, kies administracio liveris la bileton. Tio, kompreneble, grave plifaciligas la laboron ĉe stacioj kun transiro inter vagonaroj apartenantaj al malsamaj administracioj.

*Funkciuloj de alilandaj fervojoj* ricevas senpagajn biletojn en Svedujo, *kondiĉe de reciprokeco.* Funkciuloj de la danaj, norvegaj kaj finnaj ŝtatfervojoj kaj ankaŭ de la norvega « Hovedjernbane » povas ricevi tian bileton (eventuale ankaŭ por vojaĝo sur pli ol unu fervojo) de kiu ajn staciestro ĉe

la ŝtatfervojoj kaj de tiuj kompanifervojaj ĉefuloj, kiuj estas difinitaj en la supre citita konvencio pri trairaj biletoj. Por funkciuloj de aliaj eksterlandaj fervojoj nur la direktoro de la trafikoficejo de la ŝtatfervojoj povas liveri biletojn por vojaĝoj sur la ŝtatfervojoj aŭ sur pli ol unu kompanifervojo. Kompreneble la trafikestroj de la kompanifervojoj povas ankaŭ liveri biletojn al alilandaj fervojistoj, sed tiaokaze nur por la propraj linioj (escepte al supre montritaj danaj, norvegaj kaj finnaj oficistoj).

Pri la formo de la biletoj oni povas aldoni, ke la ŝtatfervojoj uzas formulojn el pale ruĝa kartono, sed la kompanifervojoj formulojn el papero (por trairaj biletoj blanka papero, presita blukolore).

En tiu ĉi raporto ne estas pritraktataj la kondiĉoj por senkostaj biletoj por aliaj personoj ol fervojistoj, nek la specialaj biletoj, kiujn havas oficistoj kun pli altaj funkcioj.

Por klarigi la egalrajton inter la ŝtatfervojoj kaj la kompanifervojoj, oni fine devas aldone rimarki, ke la lastnomitaj estas ĝenerale pli gravaj en Svedujo ol en la najbaraj landoj (kun escepto nur por la « Hovedjernbane » en Norvegujo).

J. Lundgren (I. A. E. F. N° 145).

---

# KRONIKO

ANGLUJO. — *Londono.* — La fervoja kompanio « The North-Eastern Railway » nun presigas avizojn por la publiko *en Esperanto.*

Jen imitinda ekzemplo !

AŬSTRUJO-HUNGARUJO. — *Plzen.* — S-ro Hofmann, ĉiam fervora, sendis al ni ekzempleron de bohema faka gazeto, en kiu li presigis bonegan artikolon pri nia Asocio kaj « Fervoja Esperantisto ».

GERMANUJO. — *Chemnitz.* — La stacidoma librovendejo vendas esperantaĵojn kaj havas afiŝon esperantan.

*Küllenhahn bei Elberfeld.* — « Fervojo-Esperantisto », germana gazeto por la vastigado de Esperanto inter la fervojistoj en Germanujo, organo de la « Vereinigung Deutscher Eisenbahn-Esperantisten », ŝanĝos de la 1-a de Julio sian titolon, kaj estos nomata « Germana Fervoja Esperantisto ».

FRANCUJO. — *Parizo.* — Sekve de viglaj klopodoj faritaj de la agema gazeto « La Movado », unu el la ses ĉefaj fervojaj kompanioj el Francujo, « l'Orléans », ĵus eldonis belan gvidlibron *en Esperanto.*

Kredeble, la aliaj francaj Kompanioj sekvos tiun ekzemplon.

Tiu informlibro estos sendata senpage al ĉiu petinto ; sin turni al : Kompanio « l'Orléans » (Trafic-Voyageurs-Publicité), 1, place Valhubert, *Paris.*

Ni esperas, ke multaj asocianoj petos tiun broŝuron.

*Canaples.* — Nia agema kolego S-ro Suinot, stacia subestro, disdonas inter siaj kolegoj de la « Norda Kompanio » gravan cirkuleron, france redaktitan kaj presitan dank' al siaj propraj elspezoj.

Ni sincere dankas tiun malavaran amikon por lia bonega agado, kaj ni esperas, el tiu flanko, kontentigan rezultaton.

HOLANDUJO. — *Breda.* — Kun granda plezuro ni eksciis, ke S-ro J. Bal, fervojisto en Breda (I. A. E. F. N° 77), gajnis la premion de konkurso starigita de la gazeto « La Holanda Pioniro ».

*Boxtel.* — Dekkvar fervojistoj, anoj de la Klubo « La Fervojo », intencas aliĝi al nia Asocio ; ni deziras koran bonvenon al niaj novaj samasocianoj.

---

# KONDIĈOJ DE OKUPADO
## DE LA FERVOJISTOJ EN HOLANDO

La 15-an de Januaro 1911 aperis en Holando la novaj *Kondiĉoj de Okupado* por fervojistoj. La registaro aprobis ilin. En Holando ekzistas nur privataj fervojaj societoj, mem la ŝtataj fervojoj estas privata societo, ĉar privata societo ekspluatas ilin. Kvankam en publika servo, la fervojistoj estas do nur duonoficistoj, holande : « semi-ambtenaren ».

Sekvas tie ĉi kelkaj difinoj el la suprenomitaj kondiĉoj : La personaro devas sin teni al la kondiĉoj. Ĉiu havas priskribitan servotempon, sed estas devigata ĉie kaj ĉiam sin doni por la interesoj de la societo. Kiu fariĝas malsana tuj devas sciigi tion al sia ĉefo. Kiam la samdomanoj suferas je malsaneco infekta, tiam al la fervojisto ne estas permesite deĵori. Ĉiu devas loĝi en la urbo aŭ vilaĝo de sia oficejo, laborejo, stacio, k. t. p., kaj al neniu estas permesate loĝi en trinkejo. Alkoholaj trinkaĵoj estas malpermesataj dum la servotempo, k. t. p. Nur la personoj nomitaj en la fervoja leĝo devas esti ĵurintaj. Al la personaro estas malpermesate peti trinkmonon ; en kelkaj kazoj mem la akceptado de trinkmono estas malpermesata. Ankaŭ estas malpermesate fumi cigaron aŭ tabakon en pakvagonoj, komercaĵtenejoj, k. t. p. La « avanso » aŭ grad-altigo, okazas per elekto de la kompanio. La altigo en salajro okazas, en normalaj cirkonstancoj, dujare, ĝis la maksimumo de la ofico.

La malsanuloj ricevas 3 monatojn plenan salajron, sekvantajn 6 monatojn 2/3 kaj ankoraŭ dum 3 monatoj 1/2 salajron ; poste, ĝis resanigo aŭ eksigo, la jam meritītan pension. En normalaj kazoj, la personaro ricevas por ĉiu trijara deĵoro aldonon ĝis plena salajro, post la tria monato de la malsaneco. La pensio ne estas ankoraŭ leĝe regulita. Ĝis nun la pensio estas 1/60 de la salajro por ĉiu jaro de deĵoro, maksimume 30/60 ; por la edzino kaj infanoj 1/120 kaj 30/120. Oni pagas kotizon de 3 % kaj plie la altigojn en salajro unufoje.

La forpermesoj por la pli malaltaj oficistoj estas 7 tagoj jare, por la pli altaj oficistoj 14 aŭ 21 tagoj. Por 4, 7 aŭ 10 jaroj de deĵoro oni ricevas plie 1, 4 kaj 7 tagojn.

Pure privatajn petojn aŭ dezirojn oni povas ensendi skribe al la superuloj, eĉ al la ĝenerala direktoro ; la aliajn petojn nur al la reprezentantoj

de la personaro de ĝi elektitaj. La **reprezentantaro** povas, ne devas, pritrakti ilin kun la direkcio. Kiam oni ne povas unuiĝi je la pli grandaj punoj, ankaŭ monpunoj de pli ol 1/4 tag-salajro, oni sin turnas al la **arbitracio** de 5 membroj. Du anoj estas elektataj de la punita persono. Eksigo plenhonora, donita de la societo, sed ne demandita, *ne estas puno*. Ĉe eksigo, la kompanio devas averti kvar semajnojn antaŭe. Ĉe eksiĝo, la oficistoj avertas ankaŭ kvar semajnojn, la laboristoj du semajnojn antaŭe.

Laŭ holandaj komprenoj la kondiĉoj estas sufiĉe bonaj.

J. Bal (I. A. E. F. N° 77).

---

## ĈE LA ŜTATAJ FERVOJOJ, EN FRANCUJO

Sekve de fervojaj akcidentoj, kiuj okazis antaŭ nelonge, la jena novaĵo jus estis farita :

Por atentigi la maŝinistojn pri la antaŭaj signaloj de la stacioj, samnivelaj pasejoj, k. c., la tri telegrafaj fostoj, kiuj staras antaŭ tiu signalo, estas kovritaj per blanka kolorilo.

G. B.

# KOLEKTANTARA FAKO

*(La abonantoj rajtas kvarlinian anonceton.)*

S-ro Georgo Habellok, fervoja ekspedejestro en stacio *Mochbern,* poŝto Breslaŭ XVII (Germanujo), deziras korespondi per ilustritaj poŝtkartoj aŭ leteroj ; ĉiam respondos.

S-ro Emanuelo Kubásek, ĉefkonduktoro en *Plzen,* Koterovská, 40, Bohemujo (Aŭstrujo), deziras interŝanĝi fotografaĵojn de aliregnaj uniformitaj fervojistoj por speciala albumo. Interŝanĝe, li tuj resendos sian propran portreton, en uniformo.

S-ro Alois Heyna, ĉefkonduktoro en *Novy-Bydzov,* Riegrova, 201, Bohemujo (Aŭstrujo), deziras trovi ĉiulandajn korespondantojn ĉu letere, ĉu per ilustritaj poŝtkartoj ; li ĉiam kaj al ĉiu respondos akurate.

S-ro J. Bal, fervoja komizo, en *Breda* (Holandujo), Nassaŭ Singel, 18, deziras korespondi pri fervojaj aferoj, k. t. p.

---

# LETERKESTO

S-ro J. Bal, Breda. — Bonvolu skribi al S-ro Bendel, sekretario de la Saksa Sekcio, Zwickaŭerstrasse 85, Dresden-A (Germanujo) ; kredeble li donos al vi adresojn de fervojistoj, kiuj volos interŝanĝi leterojn, kvinope, laŭ via propono.

---

# KELKAJ FERVOJAJ VORTOJ

*Fervoja informlibro,* libro, kiu enhavas la horojn de veturado de la vagonaroj, kun informoj pri la landoj, urboj, kiujn la vagonaroj traveturas.

*Fervoja horaro,* libro, en kiu estas enskribitaj la horoj de veturado de la vagonaroj.

*Vagonara hortabelo,* tabelo, kiu montras la horojn de veturado de la vagonaroj.

*Atenda salono* (aŭ *atendsalono*) *de l' 1-a, 2-a* aŭ *3-a klaso,* aŭ *atendejo,* ĉambro de stacio, kie la vojaĝantoj atendas la horon de l' forveturo.

*Kajo,* trotuaro laŭlonge de kiu haltas la vagonaroj por ke la vojaĝantoj envagoniĝu.

*Kontrolisto,* oficisto, kiu inspektas la fervojajn biletojn.

*Giĉeto,* malgranda fenestreto en pordo aŭ maldika muro, tra kiu oni povas paroli al iu kaj doni ion al ĝi.

*Vagono de komercaĵoj,* vagono difinita por ricevi komercaĵojn ĉiuspecajn.

*Plataĵvagono,* vagono, ne ŝirmata kontraŭ la pluvo, kiu enhavas platan parton por ricevi komercaĵojn.

*Bestovagono,* vagono, kun tegmento, difinita por ricevi bestojn, kaj ankaŭ komercaĵojn, kiujn la pluvo povus difekti.

*Ŝarĝvagono,* speciala vagono, kien oni metas la pakaĵojn.

*Trajno,* aro da vagonoj kunligitaj kaj antaŭenirantaj unu post la alia.

*Fervoja stango,* peco ordinare el ligno aŭ fero, sur kiu oni fiksas la relojn de la fervojo.

*Balasto,* amaso da ŝtonoj, kiujn oni metas sub kaj inter la fervojaj stangoj de la fervojo.

*Evitvojo,* flanka vojo, sur kiu oni haltigas vagonaron por lasi la ĉefan vojon libera por alia preterpasonta vagonaro.

*Senelireja vojo,* flanka vojo, kiu ne havas elirejon. Ordinare, je ĝia ekstremaĵo, estas haltiga aparato.

*Tendro,* specialforma vagono, kiu enhavas la karbon kaj la akvon por la nutrado de la lokomotivo.

*Turnebla rondo,* aparato, kiu utilas por turnigi la vagonojn.

*Turnebla rondego,* aparato, kiu utilas por turnigi la lokomotivojn.

*Koridora vagono,* vagono, kiu enhavas koridoron, kiu kunligas ĉiujn fakojn de la vagono.

*Kupeo,* ekstrema fako speciala de vagono, kies unu flanko estas vitrita.

*Rapida vagonaro* aŭ *rapido,* vagonaro, kiu plenumas longan traveturon, haltante nur por ke la tendro sin provizu per akvo. Ordinare, tia vagono enhavas nur 1-klasajn fakojn.

*Ekspresa vagonaro* aŭ *ekspreso,* vagonaro, kiu haltas nur en la ĉefaj stacioj; enhavas ordinare nur 1-2-klasajn fakojn.

*Duonekspresa vagonaro* aŭ *duonekspreso,* vagonaro, kiu enhavas ĉiuklasajn fakojn, sed haltas nur en la ĉefaj kaj en la relforkaj stacioj.

*Omnibusa vagonaro* aŭ *omnibuso,* vagonaro, kiu haltas en ĉiu stacio.

*(Daŭrigota.)*

# OFICIALAJ ELDONAĴOJ DE I. A. E. F.

REKOMENDATAJ AL ĈIUJ NIAJ ASOCIANOJ

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Oficiala leterpapero, | 100 folioj | . . . . . . . . . . | 0,90 $ | afrankite |
| » » | 50 » | . . . . . . . . . . | 0,50 | » |
| Oficialaj kovertoj, | 100 ekz | . . . . . . . . . . | 0,50 | » |
| » » | 50 » | . . . . . . . . . . | 0,30 | » |
| Oficialaj poŝtkartoj | 100 » | . . . . . . . . . . | 0,75 | » |
| » » | 50 » | . . . . . . . . . . | 0,40 | » |

Ĉiuj mendoj estu sendataj al S-ro Bontemps, staciestro en Parennes (Sarthe), Francujo.

## POR RIDETI

**Bonega fervojo.** — Maŝinisto el lokomotivo krias al vilaĝano, marŝanta apud la relvojo : « Karulo mia ! Sidiĝu en la vagonaron ! » — " Ne, respondas la vilaĝano, mi rapidas. "

(El *La Ondo de Esperanto.*)

**Fervojista ŝerco ?** — Oni diras, ke iu regnestro postulas tre precizan temperaturon en sia salonvagono, kiam li vojaĝas, kaj ke li neniom ŝparus rimarkojn, se la temperaturo ne konformas al la donita ordono. Aranĝi tute konstantan varmon estas ja tamen malfacile eĉ en regnestra boĝivagono. Tiuj fervojaj funkciuloj, kiuj estus trafataj de eventualaj riproĉoj, tial elpensis rimedon por savi sin. Oni fabrikigis specialajn termometrojn por la vagono de l' potenculo. Kaj tiuj ĉi termometroj enhavas arĝentan fadenon anstataŭ hidrargo !

Almenaŭ oni rakontas tian historion.

J. L.

# NOMARO
## de la Anoj de I. A. E. F.

*(Sekvo.)*

No — **AŬSTRUJO-HUNGARUJO**

126 S-ro Karel Bludovsky, fervojadjunkto, Prokopwa 11, *Plzen.*
42 S-ro Jozefo Blazek, fervojadjunkto, *Olomouc*, 4 (Moravio).
29 S-ro Jindrich Brix, staciestro, *Červeny-Kostelec* (Bohemujo).
140 S-ro Jean Brix, fervojisto, *Stara-Paka* (Bohemujo).
30 S-ro Karel Dvoraĉek, inĝeniero, superkomisario de l' Ŝtataj fervojoj, *Jindrichür-Hradec* (Bohemujo).

73 S-ro Jozefo FAUTA, fervoja inĝeniero, Hybernská ulice, *Praha II.*
74 S-ro Richard FELSER, fervojisto, *Wüchern-Mahrenberg* (Stirio).
182 S-ro Aleksandro FŐCZE, fervojisto, *Nagysurány* (Nyitra) Hungarujo.
85 S-ro Rudolf FRITSCHE, fervojisto, stacidomo A. F. E., *Böhm.-Leipa* (Bohemujo).
72 S-ro Ferdinand GLASER, fervojadjunkto, stacidomo A. F. E., *Böhm-Leipa* (Bohemujo).
76 S-ro Alois HEYNA, ĉefkonduktoro, Hradecká ul. *Novy-Bydzov* (Bohemujo).
2 S-ro Jozefo HOFMANN, fervoja ĉefrevidanto, Husova 42, *Plzen.*
199 S-ro Adolf KASPÁREK, fervojadjunkto, *Praha*, Vinohrady, Kolarova str. N° 8.
148 F-ino Marie KLEIN, fervoja oficistino, Taborstrasse 68, I Stock, *Wien* XX-2.
185 S-ro KUBÁSEK, ĉefa konduktoro, Koterovská strasse, *Plzen.*
71 S-ro Anton KUSBLOCH, fervojisto, *Reichenberg* (Bohemujo).
110 S-ro Johano LIEBL, fervojisto, stacidomo A. F. E., *Böhm.-Leipa* (Bohemujo).
70 S-ro Jozefo LOSTER, fervojisto, stacidomo A. F. E., *Böhm.-Leipa* (Bohemujo).
19 S-ro Engelbert MITISKA, fervoja inspektoro, 1 Rossetzer Bahnhof Malven, *Brünn* (Moravio).
86 S-ro Heinrich RÖSLER, fervoja magazenestro, *Schwora* N° 92, apud Leipa (Bohemujo).
69 S-ro ROSMANY, fervojisto, stacidomo A. F. E., *Böhm-Leipa* (Bohemujo).
28 S-ro Ignaz RUZIĈKA, fervojadjunkto, stacio *Pardubice* (Bohemujo).
3 S-ro Rodolf SACKMAUER, fervojadjunkto, Skretova ulice, 48, *Plzen.*
56 S-ro SCHŒNHERR, Max, fervoja asistanto, *Bodenbach*, Obergrund (Bohemujo).
18 S-ro Jaromir SCHWARZ, fervoja komisario, Filialpoŝto, kontrolo de enspezoj, *Sarajevo* (Bosnio-Herzegovino).
68 S-ro Heinrich SEIDLICH, fervoja kasisto, stacidomo A. F. E., *Böhm.-Leipa* (Bohemujo).
87 S-ro Karl SELLMAN, stacidomo A. F. E., *Böhm-Leipa* (Bohemujo).
16 S-ro Jozefo SILHART, fervoja konduktoro, stacio *Nymburk* (Bohemujo).
82 S-ro Jaroslav SITKO, ĉefkomisario de la ŝtataj fervojoj, Merkur, *Praha-Zizkov* (Bohemujo).
67 S-ro Karl STEPAN, fervojadjunkto, stacidomo A. F. E. *Böhm.-Leipa* (Bohemujo).
111 S-ro Emil STERLICK, fervojisto, stacidomo A. F. E., *Böhm.-Leipa* (Bohemujo).
195 S-ro Jozefo SZIKLAY, Máv fervojisto-kasisto, *Kassa*, Pályaudvar (Hungarujo).
89 S-ro Zdenĉk VAŜA, fervojadjunkto, direkcio odd. 8, *Plzen.*
90 S-ro Františ̂ek ZIKAN, fervojadjunkto, Ŝkrétova ul. 48 II, *Plzen.*

## BULGARUJO

124 S-ro Zaĥarij MANOLOV, fervoja telegrafisto, stacio *Harmanly-gare.*

## DANUJO

139 S-ro F. N. BROKDORFF, asistanto, Blaagaadsgade 24 II, *Kopenhago-N.*
13 S-ro Frans BUCH, asistanto, stacio *Hinnerup.*
12 S-ro A. C. FERNDRUP, asistanto, stacio *Skjern.*
53 S-ro Ejner FRIIS, asistanto, Danmarksgade 73, *Aalborg.*
11 S-ro G. HINRICHSEN, asistanto, Hellerupvej, 30 I, *Hellerup.*
184 S-ro J. MARTIN JENSEN, asistanto, stacio *Frederikhavn.*
134 S-ro L. P. NIELSEN, telegrafkontrolisto, Blaagaardsgade 4 B II, *Kopenhago-N.*
14 S-ro W. SCHACK, supera asistanto, stacio *Roskilde.*

## FINLANDO

186 S-ro Emanuel ANTTONEN, fervoja telegrafisto, stacio *Matkaselkä.*
187 S-ro E. SAUKKONEN, fervoja skribisto, stacio *Enso.*

## FRANCUJO

20 S-ro Maurice AGIS, fervoja desegnisto, 1, rue Doyenné, *Le Mans* (Sarthe).
50 S-ro L. AGISSON, fervoja desegnisto, 10, rue Villebois-Mareuil, *Villeneuve-St-Georges* (S.-et-O.).
10 S-ro Gérard AUSSENAC, lokomotivejestro, stacio *St-Dizier* (Hte-Marne).
120 S-ro Emilien BÉRARD, 17e Régiment d'Artillerie, *La Fère* (Aisne).
31 S-ro Armand BERLANDE, fervojisto, 4, rue Cottreau, *Villeneuve-St-Georges* (S.-et-O.), P. L. M.
1 S-ro Georges BONTEMPS, staciestro, stacio *Parennes* (Sarthe).
116 S-ro Léon BOUCHINET, 17e Régiment d'Artillerie, *La Fère* (Aisne).
178 S-ro BOULONGNE, 17e Régiment d'Artillerie, *La Fère* (Aisne).
92 S-ro Edmond BRANCOURT, fervojisto, 146, rue du Faubourg St-Denis, *Paris.*
37 S-ro BRUN, subinspektoro, 5, rue Chalmel, *Troyes* (Aube).
129 S-ro Auguste CALAIS, fervojisto, stacio *Voujeaucourt* (Doubs).
121 S-ro Ludovic CARLIER, 17e Régiment d'Artillerie, *La Fère* (Aisne).
94 S-ro George CHILOT, fervojisto, 54, rue de Paris, *Villeneuve-St-Georges* (S.-et-O.).
9 S-ro André COLOMBAT, fervojisto, stacio *Aix-en-Olhe Villemaur.*
65 S-ro Alphonse COTTIN, fervoja desegnisto, 20, rue du Héron, *Lisieux* (Calvados).
55 S-ro Redé COUTURE, fervojisto, 19, rue Antigua, *Orléans* (Loiret).
183 S-ro Robert DÉJARDIN ROBERT, fervojisto, 16, Bd de la Gare, *Raismes* (Nord).
133 S-ro Maurice DELABY, fervojisto, stacio *Flesselles* (Somme).
196 S-ro Henri DELACOUR, fervoja laboristo, 134, rue Emile-Zola, *Sotteville-lès-Rouen* (Seine-Inférieure).
179 S-ro DELCROIX, fervojisto, stacio *Somain* (Nord).
119 S-ro Gaston DEMARCY, 17e Régiment d'Artillerie, *La Fère* (Aisne).

*(Daŭrigota.)*